# ★ ESPERANTO ★

DUONMONATA INTERNACIA GAZETO

**ABONO**

Unu Jaro . . . . Sm. **1.20** | Helpabono . . . . Sm. **4.**—

Spesmilo (Sm.) = 100 Spesdekoj (Sd.) = 2,50 frankoj = 2 ŝilingoj = 2 markoj = ½ dolaro = 1 rublo = 2,40 kronoj aŭstr = 1,80 kronoj Skand (proksimume).

Oni abonas ĉe la Administrejo
8, Rue Bovy-Lysberg, 8, Genève (Svisujo)
aŭ ĉe la lokaj agentoj

DIREKTORO :
HECTOR HODLER
8, Rue Bovy-Lysberg, 8
Genève (Svisujo)




## Internacia Organizaĵo Esperantista

(I)

Per serio de artikoloj aperontaj ĉe tiu loko, ni intencas detale ekzameni ideon, kiu jam estis diversfoje aludita en nia gazeto, kaj nun estas sur la vojo al certa efektiviĝo, nome la kreo de Internacia Organizaĵo Esperantista. Sed antaŭ ol paroli pri la utileco kaj funkciado de tiu nova organismo, estas antaŭ ĉio necese, rememorigi pri la cirkonstancoj, kiuj kondukis al la realiĝo de la dirita ideo, kaj, farante ĉi tion, ni ne nur pliklarigos la intencojn de ĝiaj iniciatintoj, sed ankaŭ forpelos kelkajn malkompreniĝojn aŭ neĝustajn interpretojn, kiajn naskas ĉia nova ideo.

* *

En monato oktobro, ĝuste kiam la Esperantistaro, refortikigita per la sukceso de nia neforgesebla IIIa kongreso, rekomencis ĉie labori kun nova energio, kunvenis en Parizo kelkaj sciencistoj, el kiuj konsistis la komitato de la Delegitaro ; ilia decido, jam kritikita ĉi tie, elvokis al la atento de la Esperantistoj la gravan demandon pri reformoj, kaj timigis, ke pro tio bedaŭrindaj malpacoj kaj senfruktaj diskutoj okazos interne de nia anaro. Rondo de sciencistoj postulis la enkondukon en Esperanton de kelkaj teoriaj reformoj, kies neceseco neniam estis sentita de la plimulto de la veraj interesatoj, nome la Esperantistoj mem. Dum kelka tempo, oni povis timi — ne sen gravaj ŝajnoj de vereco — ke reformoj aŭ teoriaj plibonigoj estos enkondukataj ne nur de neesperantista komitato, sed de iaj esperantistaj organoj, kiuj por tia grava tasko ricevis nenian komision de la Esperantistaro. Reformi Esperanton per dekreto neniu rajtas kaj neniu povas, unuparte ĉar ekzistas neniu komisiita aŭtoritato por tio, aliparte ĉar Esperanto estas la propraĵo ne de unu aŭ kelkaj personoj, sed de miloj da homoj. Tiuj homoj, ĝin propagandante, prenis sur sin antaŭ la publiko gravan respondecon, certigante, ke la lingvo disvastigita de ili, estas lingvo tute preta, tuj uzebla kaj jam vivanta, predikante pri tio jam de multaj jaroj kaj akirante la konfidon de la publiko nur per tiu aserto, kiu fariĝus tute malĝusta kaj nehonesta, se la lingvo estus fakte la propraĵo de kelkaj personoj, arogantaj al si la rajton fari per ĝi pli-malpli sukcesajn eksperimentojn. Kvankam interkonsento inter ĉiuj partianoj de lingvo internacia estas dezirinda, kiel ni tion esprimis, ĉi tiu interkonsento devas fariĝi sur jam ekzistanta realaĵo, sur la fundamento de la tradicio, kiu al ni donas grandan liberecon plibonigi la lingvon per vojo senrompa kaj liberala, laŭ la mezuro de la praktiko. Ekster la tradicio, ĉio estas malcerta, ĉar tio dependas de la gusto de tiu aŭ alia individuo.

Por malhelpi, ke reformoj fariĝu sen la konsulto al la solaj interesatoj, ni tiam dissendis al ĉiuj grupoj Esperantistaj cirkuleron, kies celo estis jena : montri, ke neniu nun havas la rajton enkonduki reformojn per dekreto, ke nur en la okazo, se la ĝenerala opinio de la Esperantistaro inklinus al la principo de reformoj, estus necese konsulti la interesatojn per regule elektitaj delegitoj, por ke ne okazu tro grava rompo en nia unueco ; fine, ke estas dezirinda la stariĝo de internacia organizaĵo, kiu puŝos Esperanton rekte en la vojon de la praktikaj aplikajoj, kaj, starigante nian aferon sur praktika materiala fundamento, fortikigante la ligilojn de solidareco inter samideanoj *uzantaj* tiun lingvon, metante la unuecon de nia movado ne nur sur la fideleco de ĝiaj partianoj, sed ankaŭ sur la utileco al ili de tiu ilo, kiun ili penas diskonigi, ŝirmos por ĉiam nian entreprenon kontraŭ ĉiuj danĝeroj kaj ĉiuj atencoj. Tiun programon, en mallonga tempo, aprobis pli ol 110 grupoj Esperantistaj, kiuj ĝin subskribigis al siaj anoj. Intertempe la situacio, kreita pro la decido de la Delegitaro ŝanĝiĝis : tre multaj grupoj tute klare esprimis sian opinion kontraŭ la proponitaj reformoj, la Lingva Komitato same agis, fine la rilatoj inter D-ro Zamenhof kaj la Delegitaro — aŭ pli ĝuste la kondukantoj de la Delegitaro — estis rompitaj pro la troaj pretendoj de tiu lasta, kies pure teoriaj laboroj, kiel ajn interesaj ili estas, absolute ne estas kompareblaj kun la rezultato de la agado de miloj da homoj laborintaj dum longa tempo sur la kampo praktika. La lasta cirkulera letero de D-ro Zamenhof al la Esperantistaro klare kaj trafe resumis la tutan aferon ; post ĝi, ni opinias, ke la demando pri la reformoj nepre devas esti forigata.

La danĝero do feliĉe forpasis ; kontraŭ la fortika unueco de la Esperantistoj rompiĝos sensukcese ĉiuj personaj atakoj ; sed, kiel post ĉiuj danĝeroj, oni nun sin okupas pri la mankoj, kiujn al ni montris la batalo. Tra la Esperantistaro iras nun deziro al pli da efektiva unueco, pli da ordo en nia agado, pli da praktikeco en nia movado. La sperto montris al ni la vanecon kaj danĝeron de la teoriaj lingvaj diskutoj, kiuj rekondukas nin rekte al la nova Babela turo. Por ke tiu danĝero jam neniam reokazu, por ke nia afero staru tute certe, estas necese, ke ni konsideru nian lingvon kiel fakton ekster ĉia diskuto, kiel ilon sendube pli-malpli perfektan, sed tute sufiĉan, kiun homoj uzas por sin reciproke kompreni — ĉefa kondiĉo. La vivo mem reguligos ĝian iradon, apartigos la bonan de la malbona, ĝin alĝustigos al la bezonoj de ĝiaj uzantoj. Nia devo nun, nia devo la plej urĝa estas : enkonduki Esperanton en la ĉiutagan vivon, plimultigi ĝiajn aplikajojn, krei per ĝi internaciajn praktikajn servojn, ĝin vivigi per la uzado, se ni ne volas, ke ĝi mortu per la diskutado. Tiun celon esprimas la dua parto de la supre aludita cirkulero. La lingva demando feliĉe malaperis el la kampo de niaj priokupoj. Restas nun la pozitiva parto, kiu postulas ĉies kunlaboron kaj aktivan agadon : kreo de internacia organizaĵo por praktikaj aplikajoj per Esperanto. Por tio ni dissendis al ĉiuj grupoj Esperantistaj duan cirkuleron, kun la peto, ke ili bonvolu elekti delegitojn. Jam multaj favore respondis nian alvokon kaj ĉio antaŭmontras, ke nia afero staras sur la bona vojo, kaj ke la projektata organizaĵo tre baldaŭ komencos labori laŭ preciza plano.

En proksima artikolo, ni ekzamenos kial internacia organizaĵo estas necesa kaj laŭ kiaj principoj ĝi direktos sian agadon.

(*Daŭrigota*). H. HODLER.

## TRA LA MONDO

### AŬSTRIO

Praho, marto 1908.

Nacio ĉeĥa perdis homon de gravega signifo por sia kulturo kaj sekve por kulturo tutmonda, ĉar evolucio de nacioj kondiĉas progreson de homaro. Tial estas bezone ankaŭ en nia ĵurnalo diri kelkajn vortojn pri Svatopluk Čech, unu el la plej gloraj ĉeĥaj poetoj, kiu mortis la 23-II en Praho. Li estas la plej grava kaj plej eminenta bohema poeto. Siajn temojn li prenis el historio precipe bohema, sed verkis ankaŭ tre profundpensajn alegoriajn versaĵojn. Lian signifon por Ceĥoj oni povas kompari kun signifo de Schiller por Germanoj. Li estis fervora predikanto de libereco, justeco kaj frateco, kiujn li volis vidi ekregi ne nur inter individuoj, sed ankaŭ inter nacioj, kiel estas komprenebla ĉe filo de nacio, kiu batalas por sia rajto al vivo. Li estas idea patro de generacio, kiu nun estas kvardek aŭ kvindek-jara ; liaj « Kantoj de sklavulo » eliris en 20 eldonoj dum 2 jaroj, kio al nenia ĉeĥa libro ankoraŭ okazis. Li estis ankaŭ fervora revanto pri unuiĝo de Slavoj.

Pri projekto de S-ro Aerenthal pri fervojo en Balkanio mi ne raportos, ĉar pri ĝi jam bone parolis tiu ĉi ĵurnalo en « Kroniko politika ». Mi rimarkas nur ke la parolado de la ministro kaŭzis multajn artikolojn eĉ en bohemaj ĵurnaloj, ĉar jam longe ne eliris el Aŭstria registaro ia projekto de internacia graveco. El tiu intereso estas ankaŭ videble, ke la ŝanĝo de balotsistemo tamen iom pligrandigis la scion pri komunaj interesoj aŭstriaj. Sed estas rimarkinde, ke en Aŭstrio la gvidado de la eksterlandaj aferoj estas rezervita al la imperiestro, kaj la parlamento tute ne povas ion pri ili decidi. Nur delegacioj elektitaj de Viena kaj Budapeŝta parlamentoj povas akcepti aŭ malakcepti buĝeton por proponitaj agadoj. El tio eble rezultas la apatio, kun kia la ŝtatanoj akceptas projektojn registarajn pri eksterlanda politiko.

En Hungarujo okazas skandala proceso kontraŭ Slovakoj, kiuj volis malpermesi, ke la preĝejo, kiun ili el propra mono konstruis, estu inaŭgurita de malamika hungara (magyara) pastro. Pro tio la ĝendarmoj venantaj kun la pastro mortigis per pafado 15 Slovakojn kaj multajn arestis. Kontraŭ arestitoj estis nun (de 3-III — 10 III) proceso en Ruzomberg. Priskribi ĝin mi ne povas, ĉar Hungara registaro malpermesas poŝtan sendadon al ĵurnaloj, kiuj sole priskribas (ne kritikas) ĝian justecon. La celo de la Hungara registaro estas klare videbla : malaperigi la dumilionan nacion de Slovakoj. Baldaŭ eliros en Praho esperante verkita broŝuro priskribanta la malbonan sorton de Slovakoj. Homoj de internacia civilizacio legu ĝin !

S. K.

### FRANCUJO

Parizo, Marto 1908.

Antaŭ ne longe, S-ro Clemenceau festis la duajaran datrevenon de sia alveno ĉe la ministraro. En Francujo tio jam estas atentinda kaj malofta rezultato. Malmultaj estas la ministraroj, kiuj sukcesis vivi dum du plenaj jaroj, kvankam en la lastaj jaroj oni povis konstati, ke ili estas iom pli vivemaj, ol antaŭe. Tamen, iuj verŝajne opinias, ke la nuna tre sufiĉe vivis : ili neŝparas siajn penojn por ĝin fordanki je la eternaj tempoj. La kontraŭministrara batalado fariĝas efektive ĉiam pli akra, kvankam ankoraŭ kaŝema. Kontraŭ ĝi tiu ministraro havas ne nur la dekstrumajn kaj socialistan partiojn, sed ankaŭ parton de la maldekstrumaj radikal-socialistoj, kiuj penas subfosi la konfidon al ĝi per diversaj rimedoj. Iliaj intrigoj ĝis nun malsukcesis, ĉar la pasanto, kiun la ministraro perdis maldekstrume, li retrovis en la centrumo, ĉe la tiel nomataj progresistoj, kiuj antaŭe apartenis al la opozantaro. La diskutado pri la laŭrenta imposto komenciĝis, sed ĝi estas tre longa, ĉar la kontraŭstaro, kiu tiuokaze enhavas la centrumon, forte batalas por modifi la projekton. La registaro ne facile cedas, sed estas de nun certe, ke, se la projekto leĝiĝas, ĝi estos ricevinta multajn ŝanĝojn ; tamen eĉ tiel ĝi estos progreso kaj grava simpligo.

La Parlamento voĉdonis leĝon, laŭ kiu trijara apartigo inter geedzoj estas plenrajte transformita en leĝan eksedziĝon, laŭ la peto de edzo aŭ edzino. Tiu novaĵo estis sufiĉe forte kontraŭbatalita, aŭ en la gazetaro, aŭ en la Parlamento, ĉefe en la Senato. La esencaj argumentoj elmetitaj kontraŭ tiu propono reduktiĝas al du : la katolika dogmo pri la nerompebleco de la geedza ligilo, la profito de la infanoj. Rilate al la unua oni prave rimarkigis, ke post la apartigo de la eklezio el la ŝtato, ĝi ne plu havis leĝan valoron. La katolikaj oratoroj timigis, ke tiu leĝo estos paŝo al la la libera geedziĝo, sed oni respondis al ili, ke la novaĵo proponita eble malhelpos la apartigon inter geedzoj katolikaj, ĉar tiu apartigo estos plenrajte transformebla je eksedzigo, kaj sekve konservos la edzecan ligilon. Rilate al la dua, oni devas konfesi ke simpla apartigo estas pli malbona ekzemplo por la infanoj, konstante pasantaj de familio al alia, ol leĝa eksedziĝo, kiu definitive reguligas ilian situacion. Pri la materiala flanko, la disponoj de la unua juĝo pri apartigo restos la samaj por la infanoj post la plenrajta eksedziĝo. La leĝo estas do samtempe morala kaj liberala.

Paroli pri Marokaj aferoj estus kvazaŭ anakronismo, same kiel paroli pri la pureco de Parizo : nia urbego estas efektive nun vasta strataro, subfosita, distranĉita de kavajoj, malpurigita de ŝlimo, rompita de bariloj kaj palisaroj ; ĉie oni laboras aŭ kvazaŭlaboras por ĉion rebonigi, sed tiu rebonigo, ŝajnas, daŭras jam de tro longe. En la ĉefaj stratoj la movado de la veturiloj kaj ĉiuspecaj homtransportiloj fariĝis tia, ke la malfeliĉa piediranto ja ne devas esti interne priokupita, se li ne volas esti ŝurmarŝita iamaniere. La malordego, kaŭzata de la kreskanta cirkulado, estas ĉiam pli granda. Estas vero, ke de dudek jaroj la movado en kelkaj stratoj pli ol duobliĝis, sed tio ne estas sufiĉa absolvo. La starigo de severaj regularoj pri tiu punkto estas necesa ; se ne, la danĝero estos tiel granda, ke la famo de Parizo iom suferos el tio.

La propono pri la transporto de la cindroj de la fama verkisto Zola al Panteono elvokis akademiecan diskutadon ĉe la Deputataro. La tempo forpasis, kiam eĉ vorteto pri afero Dreyfus estis kaŭzo de nedirebla tumulto ; tute kviete oni aŭskultis la diversajn paroladojn por kaj kontraŭ, kaj oni konsideris la meriton de la aŭtoro ĉefe de vidpunkto nacia kaj ĝenerala. La verkisto Barrès, apartenanta al la partio nacionalista, energie protestis kontraŭ la propono, kaj penis montri, ke la sukceso de Zola estis ŝuldita nur al skandalo kaj pornografio, ke ĝia verkaro, tre disvastigata fremlande, liveras tute malĝustajn ideojn pri la Francaj moroj. Al li respondis plej talente la ĉefo de la socialista partio, Jaures, montrante, per grandioza parolado, la amon de Zola al la vivo, al la vero, al la scienco, glorigante lian kuraĝon dum afero Dreyfus, kaj vidigante en li la posteulon de la gloraj aŭtoroj de la XVIIIa jarcento, kies verkoj alkondukis la liberigon per la Franca revolucio. La projekto estis akceptita per granda plimulto. Estas nediskuteble, ke kelkaj el la riproĉoj de S-ro Barrès estas pravigeblaj : la verkaro de Zola en la unua tempo ŝuldis la sukceson pli al skandalo ol al sia interna valoro ; en Francujo oni legis ĝin avide, sed tute ne konsideris kiel precizan pentraĵon de la Francaj moroj ; en fremlando oni ricevis malan impreson. Plie, Zola estas nerekte respondebla pri la nuna pornografia literaturaĉo, kiu sub ŝajno de priskribo de la vivo celas nur al ekscito de pasioj kaj plej nesocialaj instinktoj. Sed, flanke de tiuj mallumaĵoj, oni devas rekoni la gran-

diozecon de la verkaro de Zola, ĝian gravecon en la literatura historio, ĝian altan socian signifon por kiu scias ĝin kompreni. Fine, oni devas admiri la kuraĝon de Zola, kiu en momento plej malfavora ne timis laŭte diri la veron kaj suferis pro tio sennombrajn persekutojn kaj malamojn, lian konstantan fidon al la triumfo de la vero, lian amon al la vivo kaj al la laboro. Pro tio lia nomo restos en la historio.

Cu ni baldaŭ vidos Parizajn policanojn kun la verda stelo sur ilia uniformo? Espereble, jes. Efektive, post parolado de P-ro Bourlet, S-ro Lepine, policestro, kaj S-ro Bertillon, aŭtoro de la antropometria sistemo, sin montris tute favoraj por Esperanto. Oni organizas nun kurson por policistoj kaj preparas grupon por ili. Post kelka tempo, la fremdaj Esperantistoj alveturantaj Parizon trovos afablajn policistojn, kiuj donos al ili ĉiujn plej necesajn sciigojn afable kaj... Esperante.

B. T.

## SUD-AMERIKO

Montevideo, Februaro 1908.

Antaŭ ol foriri al la Nordo de Brazillando, mi deziris revidi la agrablajn bordojn de la Rio-de-la-Plata, la Parana-Guassu, la Rivero-granda-kiel-Maro, kiel diris la praenlanduloj. Mi profitis por tio la monatojn januaro kaj februaro, kiuj estas vere iom varmaj en Rio-de-Janeiro, sed tre agrablaj en Montevideo. Tial mi datumas tiun ĉi korespondaĵon el la beleta ĉefurbo de Orientala Respubliko kiun mi baldaŭ definitive forlasos por aliaj teroj. Sed ne nur la deziro someradi ĉi tie min tiris al tiuj bordoj . oni rakontadis, ke prepariĝis en Arĝentina Respubliko gravaj revolucioj, teruraj militadoj, k.t.p., kaj jam flugis nubo da reporteroj, ĉiam avidaj de informoj sensaciaj ; mi do esperis povi sendi al tiu ĵurnalo interesajn novaĵojn (la homoj sin precipe interesas je la aliulaj malfeliĉoj) por ĝia ĉiam kreskanta legantaro. Malfeliĉe — feliĉe ja — nenio pasis preter sendanĝera fanfaronado. Unue la polico (kian dramverkon oni farus per amerika policestro!) la polico eltrovis teruran anarĥistan komploton, kun bombardego, dinamito kaj la tuta infero. Sed la eltrovo estis tiel ridinde aranĝata ke neniu ĝin fidekredis, kaj oni devis forlasi ĉiujn arestitojn. Dume, estis ĉikanoj inter la prezidanto de la Respubliko kaj la Parlamento. Tiu ĉi, kiu devas sidi nur 5 monatojn ĉiujare, jam daŭris pli ol unu jaron kaj ne volis starigi la jaran buĝeton..., ludeto por malkontentigi la prezidanton. Tiu lasta perdis la paciencon kaj antikonstitucie forpermesis la deputataron kaj ŝlosis per militara forto, *manu militari,* la parolaĉejon! Mi devas diri ke, de kelkaj monatoj, nur tre malmultaj honorinduloj kunvenis en la kunsidoj, tiamaniere ke neniam la kvorumo, la leĝe sufiĉa nombro estis atingebla. Kiam ili sciis, ke fermita estis la ejo, ĉiuj volis kunveni : stranga emo al kontraŭeco! Sed ili ne sciis trovi la Pilkludejon historian. Poste ili vokis al la popolo ; sed la popolo jam de longe taksas ilin je iom malpli ol nenio. Vane mi promenis tra la popolaj kvartaloj, mi ne notis eĉ la plej malgrandan nekvietecon. Tiuj, al kiuj mi parolis pri tio, indulge ridetis. Neeble estas perdi ĉiun moralan forton pli definitive ol faris la arĝentina estraro. Pasis la tempo de la politika konfido. Mi vidis en la stratoj konatan kaj faman politikulon de pasintaj tempoj, generalon Roca, la ĉefan kontraŭulon de la nuna prezidanto. Dum la gazetvendistoj kriegis lian areston kaj ekzilon, li trankvile promenis inter la popolo aferokupata, indiferenta je la fuŝaĵoj, kaj neniu eĉ lin rekonis... *sic transit...*

Esperantaj aferoj ĉiam en la sama stato: kelkaj samideanoj izolataj, plenaj je entuziasmo sed senfortaj kontraŭ la ĝenerala indiferenteco. Mi vizitis la Direktoron de la Instituto de komerco, str. Cangallo 1156, kiun oni diris al mi favora al nia afero. S-ro Léon Bugnot estas tre bone inklinita por nia helpi. Li proponas siajn salonojn por fari kursojn... sed ne estas profesoro, kaj ne estas kredeble ke kurso pagata sukcesus bone. Kiel mi jam vidis je mia unua vojaĝo, tiu lando estos unu el la lastaj esperantistigotaj.

Montevideo, ĉiam paca, ĉiam trankvila. Kiam mi pensas, ke en Eŭropo ni imagas tiujn landojn, kaj precipe Urugvajon, kiel fokusojn de konstanta revoluciado! Ne estas kredeble ke, antaŭ kvar jaroj, regis ĉe tie terura militado, tiom ĉio estas kvieta, paca, trankvila. Oni sentas, ke neniam revenos tiaj okazoj. « Nia popolo, diras al « mi komercisto, estas nun tro sperta por « sin levi armata je l'voko de ia *candillo,* « politika estreto ajna. Se iam ĝi ribelos, « tio estos por ĝiaj propraj interesoj, kiam « ĝi kredos povi mem ilin zorgi ».

Dum mia pasado en ĉi tiu urbo, mi havis la plezuron ĉeesti en kunveneto de la grupo Esperantista. La delegito Urugvaja al la Kembriĝa kongreso, S-ro Henriko Muñoz rakontis al ni siajn kongresajn impresojn. la neforgeseblajn scenojn viditajn, la mirindan organizadon de la afero, la koran akceptadon de niaj anglaj samideanoj, la amindecon kaj afablecon de nia majstro kaj... la deziron vidi la proksiman kongreson en Dresdeno. Mi notas la rimarkindajn progresojn faritajn en la elparolado. Oni decidis ke malfermiĝos speciala kurso por fraŭlinoj sub la direktado de F-ino Dolores Carrió kiu mirinde rapide akiris majstrecon en la idiomo. Malrapide, sed certe antaŭeniras la afero, ĉiam kondukata de la senlaca Charrier.

Eble mi neniam revenos ĉi tien, ĉar mi nun pasos Perulanden... Stranga sorto de vojaĝanta esperantisto: ĉiuloke trovi novajn amikojn tuj forlasotajn sen espero de revido... Eble en ia kongreso ?... Kiu scias!

P. BERTHELOT.

## Kroniko Politika

Malmultaj gravaj novaĵoj sur la kampo politika dum tiu lasta duonmonato. El unu el la plej tumultemaj ŝtatoj de Ameriko, nome la Negra Respubliko Haitio venis al ni famoj pri sangaj revolucioj, pafmortigoj, konspiroj, k. t. p. Jam ofte tiun bedaŭrindan vidaĵon prezentis al ni tiu regno, al kiu multaj filantropoj kaj amikoj de la negra raso havis iam multajn esperojn. La supraĵo civilizacia, la respublikaj institucioj ne forigis la sovaĝan rasan instinkton, kaj la ĝisnuna historio de la negra respubliko estas nur sinsekvo de revolucioj, perfortaj eksiĝoj, rabadoj, k. t. p. ; tio ĉi daŭros ĝis kiam Usono, pro ia preteksto, prenos sur sin la regadon de la insulo. Cetere, ni detenu nin de ĉia mallaŭdo aŭ frua juĝo pri la negra regmaniero. En kelkaj landoj, la Parlamentaj institucioj ne prezentas ian alian vidaĵon ; nur la formo estas pli dolĉa...

En Usono, ŝajnas, ke S-ro Taft estos la respublikana kandidato por la prezido, kaj jam oni konsideras lin kiel elektiton, kvankam li havas gravan konkuranton en la persono de S-ro Bryan, la demokratia kandidato. En intervidiĝo kun ĵurnalisto, S-ro Taft deklaris, que lia politiko estos la sekvo de la konduto de S-ro Roosevelt ; li sin montris aparte optimista pri la bonaj rilatoj inter Usono kaj Japanujo.

En Eŭropo la Orienta demando daŭras okupi la atenton de la diplomataro. La Brita registaro proponis la elekton de ĝenerala registo por Makedonujo. Tio estus fakte la starigo de Makedonujo kiel memstara provinco, kaj al tio ĉi energie kontraŭstaros Turkujo, kaj verŝajne kelkaj aliaj regnoj, kiuj nun ne deziras la dismembriĝon de la Otomana imperio. Pli modera propono de Rusujo rilate al la regado de Makedonujo sendube estos akceptata.

A. R.

## La Faktoj

*5-6 Marto. — Parizo.* — Reĝo Edvardo VII$^a$ vizitas la urbon.

*6 Belgrade* — Mortas Boskovic, eksministro de l'religiaj aferoj.

*7. Romo.* — Vatikano publikigas dekreton de ekskomuniko kontraŭ abato Loisy.

*Peterburgo.* — La imperiestro aliigis la punon de Stœssel en 10 jarojn de malliberejo.

*8. Romo.* — La ministraro ordonas enketon pri la ministraĵo de l'publika instruado.

*9. Londono.* — Lord Tweedmouth informas la Deputataron, ke la letero de imperiestro Wilhelmo II$^a$ havas privatan karakteron.

*10. Barcelono.* — Reĝo Alfonso vizitas la urbo.

*Rumanio.* — Nova terkulturista ribelo en norda Moldavio.

*Parizo.* — La Senato aprobas novan pli larĝan leĝon pri eksedziĝo.

*11. Bordighera.* — Mortas la fama literaturisto Edmondo de Amicis.

*13 Romo.* — Mortas G-lo De Giorgis, ekskomandanto de la Makedona ĝendarmaro.

*City-Island* (Usono). — La rivera vaporŝipo « Providence » estas detruata de fajro ; 600 pasaĝeroj estas savitaj.

*14. Konstantinoplo.* — Imperia ordono prokrastas ĝin 1914 la komision de la eŭropaj agentoj en Makedonujo. — Brulado detruas 370 domojn en la izraelida antaŭurbo.

*Cannes.* — Mortas princido Stefano, kvinjara filo de la Montenegra princo Mirko.

*Agramo.* — Tumulta kunsido de la kroata Deputataro, kiu estas eksigita

*15. Budapesto.* — Sangaj tumultoj por enkonduko de la universala voĉdonado.

*16 Haiti.* — Revolucio en la respubliko. Multaj konspirintoj estas mortfrapitaj

*17. Romo.* — Mortas kardinalo Casali del Drago.

*Shangai.* — La malkonsento inter Hinujo kaj Japanujo estas finita.

*18 Petersburgo.* — Duelo inter G-lo Smirnoff kaj G-lo Fock; la unua estas grave vundita.

*Haiti.* — La delegitoj de la regnoj prezentas ultimatumon al la prezidanto.

*Parizo.* — Mortas la klera rusa kuracisto Miczejewsky.

A. TELLINI.

# ESPERANTO

## Internacia Esperantista organizo

La jenaj grupoj elektis delegitojn por la Internacia Esperantista Organizaĵo, nun en fondado :

26. *Chateau-Thierry* (Francujo). — S-ro L. Borson.
27. *Tiflis* (Kaŭkazo). — S-ro D-ro A. Fiŝer.
28. *St-Etienne* (Francujo). — S-ro E Gabert.
29. *Toulon* (Francujo). — S-ro L. Ardouvin.
30. *Malmö* (Svedujo). — S-ro G. Hultin.
31. *Praha* (Aŭstrio). — S-ino M. Krausovà (virina grupo).
32. *Le Creusot* (Francujo). — S-ro Decouches; S-ro Dejean.
33. *Burnley* (Anglujo). — S-ro L. Hartley.
34. *San Sebastian* (Hispanujo) — S-ro M. P. Alcorta ; S-ro J. Garrido.
35. *Voronej gub* (Rusujo). — S ro Vasiljev.
36. *Orléans* (Francujo). — S-ro E. Thibault ; S-ro A. Rousseau.
37. *Goole* (Anglujo). — S-ro S. Parker.
38. *Castellon* (Hispanujo). — S-ro José Salvador Ferrer.
39. *Namur* (Belgujo). — S-ro A. Verbeken.
40. *Barcelona* (Hispanujo). — S-ro J. Rosals.
41. *Parizo* (Francujo). — S-ro Robert (Verda Stelo).
42. *Breslau* (Germanujo). — S-ro H. L. Spahr.

Ni rememorigas al ĉiuj grupoj, ke la tempolimo por la elekto de la delegitoj estas fiksita je la 31$^a$ de Marto (por Eŭropo). Je tiu dato la elektitaj delegitoj ricevos 3$^{an}$ cirkuleron, klarigantan la estontajn detalojn de nia agado kaj enhavantan la projekton de provizora regularo, pri kiu ili estos petataj koresponde voĉdoni.

Ciuj delegitoj elektitaj antaŭ la 31$^a$ de Marto donace ricevos ekzempleron de la jus aperinta broŝuro pri « Konsuloj kaj Esperanto-Oficejoj ». La organizo kaj definitiva starigo de tiuj institucioj estos la unua tasko de la nun kreata organizaĵo.

# MOVADO ESPERANTISTA

### Notindaĵoj.

*Francujo :* Multaj grupoj organizis sukcesajn festojn, speciale en Limoges, Béthune, Paris, k.t.p. La grupo Pariza organizas grandan Feston la 26$^{an}$ de Aprilo, en la Festosalono de « Le Journal » ; programo estas baldaŭ sendota. — *Britujo:* La kunveno de la Brita Asocio okazos en Edinburgo la 8$^{an}$ de junio ; ne Britoj estas kore invitataj ; por ĉiuj informoj pri loĝado, skribu al S-ro J. Malloch (34, Castle Str ). Novaj grupoj en Putney, Bermondsey, Brixton, Kennigton. S-ro Christen ĉiam ricevas grandan sukceson per siaj Esperantaj « semajnoj ». — *Germanujo :* La 1$^a$ Jarlibro Germana montras, ke en tiu lando niaj samideanoj estas multaj; en ĉiuj grupoj vigla movado. S-ro Hübner, el Mühlheim aperigis Esperantan folion por kristanaj junuloj. — *Rusujo :* Nova grupo en Kazan ; societo Esp. komerca en Moskvo — *Usono :* S-ro Privat, la konata propagandisto, estis akceptita de prezidanto Roosevelt, kiu sin montris favora al Esperanto. — *Japanujo :* La kunveno de la Japana Asocio okazis en Tokio ; grandaj progresoj ; oni decidis inviti Esp. kongreson en 1912. — *Hindujo :* Ekzistas pli ol 10 grupoj vivoplenaj ; ĉie gravaj progresoj.

### Bibliografio.

Jus aperis du novaj verkoj en la « Libraro Pacifisma », nome : *Por Arbitracio* (de Andrew Carnegie, trad. W. W. Padfield kaj H. Maresquelle), kaj *Estonta milito laŭ la instruoj de Johano de Bloch* (trad Cecile Royer, Schuck kaj Alesiano). Ni rekomendas tiujn interesajn verkojn al niaj legantoj ; la Libraro Pacifisma estas, en la vidpunkto esperantista, entrepreno tute helpinda — El la Presa Societo eliris bona traduko de *Du Slavaj Rakontoj,* la sepa kajero de la *Franca-Esperanta Vortarego* kaj aparta broŝuro, *Por Esperanto,* enhavanta diversajn opiniojn pri la demando de la Delegitaro. — S-ro Gimine, el Bruselo, eldonis *Mezvoio,* propono de plibonigita Esperanto por atingi interkonsenton kun la Delegitaro ; la ĉapitro pri la derivado havas kelkaj interesajn rimarkojn. — S-ro E. Gasse esperantigis la fame konatan verkon de la franco filozofo Renan : *La Vivo de Jesuo* ; la traduko estas zorge farita kaj ni sincere rekomendas tiun altsignifan verkon al niaj legantoj. La dirita libro estas skribita per sensupersigna alfabeto, laŭ la maniero montrita de D-ro Zamenhof ; ni konfesas, ke ni multe pli ŝatas nian nunan alfabeton, kaj ni konsideras la alfabeton per ch, sh, jh, gh nur kiel pure provizoran rimedon. — La tria kongreso okazigis jam multajn eldonaĵojn ; ni citu interalie *La Tria,* bela ilustrita raporto eldonita de « la Revuo », la oficialan raporton de la Centra Oficejo, kaj, de la sama institucio « *La Gazetaro kaj la Universalaj Esperantistaj kongresoj* », enhavanta multajn priesperantajn artikolojn de la gazetoj okaze de niaj kongresoj. — La propagandejo eldonis bonegan « *Anekdotaro* » po 10 Sd ; tiujn verketon ni varme rekomendas al ĉiuj Esperanto-instruantoj por iliaj lernantoj ; ĉiuj Esp.-Oficejoj devas ĝin posedi.

### Kongreso.

La unua tago de la kongreso estos dimanĉo. Ankaŭ la Kvara komencos per Diservoj, kiuj estas certe tre grava pruvo por la taŭgeco de Esperanto. La Majstro venos, ne timante malgraŭ sia ne tro bona sano la laciĝojn de granda kongreso. Kaj ĉiuj Germanoj devas uzi la favoran okazon, ke ili havos la kongreson en sia propra lando. Ili ne forrestu, timante, ke ili ne sufiĉe progresis en la uzado de la lingvo. Kompreneble, ĉiu vizitonto nepre devas koni la lingvon, li ĝin senĉese zorge kaj diligente studadu. La programo enhavos paroladojn, deklamojn, kantojn kaj teatraĵojn, en unu vorto, sufiĉe da okazoj, por aŭdi nian lingvon. La Dresdenaj kongresanoj vaporŝipe ekskursos al Meissen kaj al la Saksa Svisujo ; la ŝipoj estos grandaj parolejoj kaj la vojaĝo donos al la ŝipanoj agrablajn momentojn de vere frata kunestado. Ankaŭ en Dresdeno la kongresanoj estos ĉiam kune, oni tion bone aranĝos. Kvankan la urbo estas granda, tamen la efektive plej vizitataj stratoj ne estas multaj. Ni nomu Prager-Strasse, See-Strasse, Schloss-Strasse kaj Brühlsche Terrasse. Kaj se la gastoj tamen forgesus la nomojn de tiuj ĉi stratoj aŭ la nomon de siaj hoteloj, jam nun 24 policanoj povus montri al ili la vojon, ĉar ili fervore lernas Esperanton. La instruado de la policanoj estas unu el la preparaj laboradoj de la Dresdena grupo. Alian laboron jus finis la Germana Esperantista Societo, ĝi eldonis adresaron : Germana Jarlibro Esperantista por 1908 [1]).

Per tiu libreto la Germana Esperantista Societo prezentas al la Esperantistaro malgrandan, sed tamen tre gravan verkon. La nombro de la Esperantistoj tiel rapide kreskas kaj pligrandiĝas, ke internaciaj adresaroj ne plu estas eldoneblaj ; la naciaj jarlibroj ilin anstataŭos. Ankaŭ por la eksterlandoj tia nacia jarlibro estas interesa, ĉar ĝi enhavas ankaŭ informojn pri la kongresa urbo, kiuj interesos ĉiujn partoprenantojn kaj tial ni petas treege, ke la tutmondaj samideanoj aĉetu nian libron.

Dresdeno, koncerne la kongreson, similas abelujon. La anoj de la grupo laboras diligente, ili ĉiumaniere ekzercadas la interparoladon kaj ili starigis kantunuiĝon por la ekzercado de la himnoj, kantotaj dum la kongreso. Nova poŝtkarto (propono Elb) jus aperis ; ĝi enhavas la Ligokanton de Mozarto, trad. de L. L. Zamenhof.

Je Sm. 0,05 (M. 0,10) ĝi estas havebla ĉe H. Arnhold, Dresden, Waisenhausstrasse, 20. Alia novaĵo estas : « Sigelmarko » por la Kvara.

Por akiri artan kaj ornaman propagandan markon por kovertoj rilate al la kvara kongreso oni aranĝis konkurson inter la studantoj de la Reĝa Armetia Lernejo. Estis sendataj 140 desegnoj, ĉiuj montris intereson kaj komprenon por nia afero, multaj el ili estis spritaj kaj talentaj elpensaĵoj. Nur unu el ili estos presata, sed kvin konkursintoj ricevos monan premion. La samideanoj ilin vidos en la granda kongresa ekspozicio. Jam nun ni atentigas la amikojn je la graveco de tiu ekspozicio kaj petegas ilian energiam helpon. Nur tiam ĝi estos valora, se ĝi estos plena, historie ordigita ; nenie ĝi montru mankon, kontraŭe, klare oni vidu daŭran kreskadon, la sanan, fortan disvolvon, kaj la nunan staton de nia afero. Tiu kreskado sana kaj regula, neniam kaj neniel interrompita, montru per muta sed komprenebla voĉo la venontan Venkon.

Ni ne forgesu : Post la kongreso multaj el la gastoj restos kune en « Weisser Hirsch » (Blanka Cervo) la Esperantista vilaĝo. Bela prospekto de « Veisser Hirsch » jus aperis. Senpage ĝi estas havebla ĉe D-ro Schramm, Dresden, Ständehaus. Oni nur bonvolu sendi la poŝtpagon per « Coupon-reponse International » (Iinternacia respondkupono) po 0,25 M. aŭ 0,30 fk.

# ESPERANTO PRAKTIKA

### Esperanto-Konsuloj.

Novaj Esperanto-Konsuloj estis elektitaj en la jenaj urboj :

*Rennes* (Francujo). — D-ro Cuisnier, rue Legraverend, 10.

*Moskvo* (Rusujo). — S-ro L. Titov, Zamoskvoreĉje; S-ro Smirnov, Staraja Basmanaja.

Ni atentigas ĉiujn Esperanto-Konsulojn pri la jus aperinta broŝuro, kiu donas ĉiujn detalojn pri la fondo, tasko kaj funkciado de tiuj institucioj. Oni mendu ĝin al nia administrejo. (Prezo : 20 Sd).

### Turismo.

Jus aperis bela ilustrita gvidlibro pri *Weisser Hirsch,* la Esperantistujo de tiu jaro. Plenaj informoj pri la loko kaj zorge faritaj ilustraĵoj faras el tiu libreto la nepran akompananton de ĉiu kongresano. (Vidu niajn anoncetojn).

La Sveda Esperantista Societo decidis eldoni kiel eble plej baldaŭ ilustritan Esperantan gvidlibron pri *Svedujo.* Tiu broŝuro estos presata po 5,000 ekzempleroj, kiuj estos dissendataj al la kongresoj kaj festoj Esperantistaj, Esp.-Oficejoj, vojaĝaj agentejoj, k. t. p. — En *Barcelono,* la « Komitato por la fremduloj » proponis al la urbestraro, kaj ĝi estis aprobita, la eldonon de 2 000 gvidlibroj en Esperanto.

Ni plezure konstatas, ke la nombro de tiuj utilegaj eldonaĵoj fariĝas ĉiam pli granda. Por ricevi plenajn informojn pri la maniero aranĝi tian eldonadon, oni konsultu nian broŝuron « Konsuloj kaj Esperanto-Oficejoj ».

### Esperantistaj Hoteloj.

*Frankfurt-a/-M.* (Germanujo). — Hotel Anton, Niedenau, 12. R.

*Weisser Hirsch* (Germanujo). — Villa Olga ; Villa Margarita. P. K. R.

*London W. C.* (Anglujo). — Bedford Hotel, Southampton Row. R.

*St-Brieuc* (Francujo). — Hotel de France, rue St-Guillaume. K. R.

### Komerco.

La jenaj firmoj uzas Esperanton :

*Montreuil-s/-Bois* (Seine-Francujo). — Gaveau (fortepianoj); Lefèbre (ludiloj); Klein (fortepianoj); Leclair (ĉarpentaĵoj); Chapal (feloj). P K.

*Moskvo* (Rusujo). — *Librovendejo « Esperanto »,* Bol. Koziĥinsky per., dom Popova. P. K. (Esp.-Of.).

*Frankfurt-a/-M.* (Germanujo). — A. Wolff (vinvendejo) K.

*Köln* (Germanujo). — Löven, apotheke, 70, Freiheitstr. P. K.

*Dresdeno* (Germanujo). — Seidel & Naumann (skribmaŝinoj). K. (Esperanta katalogo senpage ricevebla). — Fabrikejo Nencke & Ostermeier. P. K.

Oni bonvolu sendi al ni ĉiujn nomojn de tiaj firmoj.

### Internacia Helpmono.

Dum sia lasta kongreso nacia l'*Association*

[1]) Havebla ĉe D-ro Albert Schramm, Dresden, Ständehaus. Prezo : Sm. 0,50 (M. 1).

*française pour l'Avancement des sciences*, decidis alpreni nian « Speso » kiel unuon de internacia helpmono. Jen la teksto de la propono farita al tiu kongreso kaj de la decido voĉdonita :

« S-ro Bourlet rimarkigas, ke estas du demandoj ekzistantaj :

« 1e La alpreno de mona unuo *fiktiva* destinita al la skribaj interaferoj.

« 2e La fabrikado efektiva de internacia ora monero por la efektivaj interaferoj.

« La solvo de la dua demando estas tre malfacila kaj oni antaŭvidas, ke ĝia atingo estos longa kaj pena, ĉar ĝi postulas internacian interkonsenton de la registaroj. La solvo de la unua demando dependas nur de privata iniciato, ĉar sufiĉas, ke privatuloj interkonsentu por skribi siajn transakciojn en tiu fiktiva mono. Li atentigas, ke tio ĉi jam okazas *en la praktiko*. Laŭ la propono de S-ro R. de Saussure privatdocento de la Geneva Universitato, la 500,000 Esperantistoj apartenantaj al 30 diversaj nacioj, praktike komencis la uzon de fiktiva mono, kies unuo estas la *speso*. *La speso estas la dekmilona parto de ora monero da 8 gramoj laŭ la titro 11/12*. La tipa ora monero da dek « *spesmiloj* » valoras, kun ekarto da 1/3 de penco la anglan *sterlingan funton*. De tio rezultas, ke ĝi estas *praktika* monsistemo tre oportuna, ĉar ĝi *tre simple* respondas al la naciaj unuoj. Efektive, estas *ĉirkaŭe* : 10 sm = 1 £ = 20 mk = 25 francs.

« S-ro Bourlet proponas, ke la sekcio voĉdonu deziron favoran al la ĝeneraligo de l'uzado de tiu fiktiva monsistemo.

« La Prezidanto S-ro Papillon subtenis la proponon, kaj post interdiskutado la jena propono estas voĉdone akceptita :

« *La Speso estos la fundamento de la fiktiva mono internacia*. ».

Tuj post tiu voĉdono, la prezidanto proponis, ke tiun decidon oni presigu en la oficialan raporton laŭ 2 kolumnoj unu france, la alia Esperante, kaj tia propono estis ankaŭ aprobita.

Oni vidas per tio, kiel erara estas la opinio de S-ro *Moch* laŭ kiu « *se la Esperantistoj prezentos al la homaro ne nur sian lingvon.. sed esperantistan monsistemon, k. t. p.... Esperanto pagos pro tiuj fantazioj* ». Car kontraŭe, kiam la Esperantistoj proponos ion utilan kaj praktikan, tio mem montras, ke Esperanto povas utili al praktikaj celoj. La ekonomiistoj de la Franca Asocio komprenis la helpon, kiun la Esperantistoj povas alporti por la disvastigo de internacia mono (provizore fiktiva), kaj pro tio ili voĉdonis la presigon de la decido dulingve (france kaj Esperante). Do estas nediskutebla, ke en tiu okazo la atento de la Franca kongreso al la utilo de Esperanto por ekonomiaj celoj estis altirita per la spesmiloj.

Jen alia pruvo ankoraŭ pli karakteriza de la utilo de l'spesmiloj por enkonduki la lingvon Esperanto en komercajn rondojn ne jam esperantigitajn :

Leginte la raporton de la Franca Asocio pri la nova monunuo Speso, unu el la plej gravaj Svisaj bankoj, kiuj havas filiojn en diversaj landoj, sciigis min, ke ĝi intencas eldoni internaciajn ĉekojn uzante la spesmilojn ; mi tuj respondis, ke se tiu banko (*Bankverein Suisse*) presigos tiajn ĉekojn, ĝi devas skribi la surtekston *en Esperanto* por ke la ĉeko havu karakteron plene internacian. Tion la banko ankaŭ akceptis : alia ekzemplo (bazita sur faktoj ne sur teorioj), montranta ke la utilo de fiktiva mono por la komercistoj tuj altiras ilian atenton al la utilo de Esperanto Ni esperas, ke ĉiuj samideanoj faros propagandon, uzante kiel eble plej ofte tiujn novajn Esperantistajn ĉekojn, kiuj certe estos akceptataj de ĉiuj bankoj kiam ili vidos, ke tiaj ĉekoj estas pageblaj de la konata *Bankverein Suisse*, kaj baldaŭ aliaj bankoj sekvos la ekzemplon. La Esperantistoj kiuj deziras uzi tiujn ĉekojn, sin turnu al la redakcio de « Esperanto », 8 rue Bovy-Lysberg, Genève, kiu dissendos ĉeklibrojn laŭ peto kaj donos la necesajn klarigojn. Ni ankaŭ informos la legantojn de tiu gazeto pri la progreso de tiu grava eksperimento.

R. de S.

## KORESPONDAĴOJ

### Alvoko al ĉiuj Francaj Esperantaj grupoj

Krei ĉiutage novajn grupojn ne sufiĉas, estas ankaŭ necesege nenion perdi el la akiritaj rezultatoj, fortikigante la ligilojn kiuj unuigas ĉirkaŭ la verda stelo, la anojn de la lokaj societoj.

Por tiu celo mi proponas eldoni « L'Informilo » informa kaj propaganda trimonata folieto France redaktota, kiu raportos pri la ĉefaj kaj ĝenerala intereso faktoj rilataj al Esperanto. Nenia marko montros la devenon de « l'Informilo » ; male, blanka parto estos rezervata supre por la titolo de la loka grupo kaj alia parto malsupre por la enpreso de artikoleto tute speciala al la dirita grupo.

La grupoj abonus ĝin por la tuta jaro, po 100, 200 aŭ pli da exempleroj ĉiutrimonate. La prezo estos 2 fjn la centon, afrankite. Centana grupo, ekzemple, kiu sendos « l'Informilon » al ĉiuj siaj anoj, kaj al cento da aliaj personoj de sia urbo, tio estas 800 ekz ĉiujare, elspezos 16 fjn kaj 8 fjn por la afrankado, sume 24 frjn.

Tiu elspezo estos facile retrovebla, ĉar la akurata sendado de tiuj cirkuleroj helpos por restigi la malnovajn anojn en la grupo, nepre varbos novajn kaj plie havigos al la komitatoj pli grandan influon.

La grupanoj ricevinte informojn kvarfoje dum la jaro, fariĝos pli sindonaj, pli akurataj, pagos pli bonkore sian kotizajon, pli bone konos la utilojn akireblajn de sia grupo, k. t. p. Plivastigante la dissendon de « l'Informilo » al kelkaj personoj ŝajne emaj sin interesi pri Esperanto, oni povus ricevi novajn aniĝojn, altiri al la grupo la simpation de iaj influaj personoj kaj eĉ la helpon de ial urbestraroj. En urboj kie grupo ne jam ekzistas, sindonaj Esperantistoj de la urbo mem aŭ de la najbara povus dissendi « l'Informilon » por anonci kaj prepari konferencon. La prezidantoj aŭ sekretarioj de grupoj estas insiste petataj fari sian mendon kiel eble plej baldaŭ por ke du numeroj estu eldoneblaj antaŭ la malfermo de la kongreso de Dresden.

*Esperebte la Konsuloj kaj la Esperantaj jurnaloj bonvolos apogi tiun projekton por ebligi ĝian efektiviĝon.*

G. Perrin,
*Vic-prezidanto de la Grupo Esperantista*,
8, rue de Rome, Calais.

## ESPERANTO-KONSULOJ

Kontraŭ jara helpabono da 4 Sm. ni enpresas sen plia pago ĉiujn oficialajn informojn de la Esperanto-Konsuloj (Kreo, organizo, specialaj servoj farataj de ili, k. c.) kaj la anoncojn de la personoj, kiuj petas la servojn de la Esp. Of. Ni insistigas ĉiujn konsulojn, ke ili profitu tiujn favorajn kondiĉojn kaj uzu nian gazeton kiel komunan perilon kaj interrilatigilon.

OFICIALA INFORMILO

**Beaune** (Francujo). — Esperanto-Oficejo, place de la Halle, deziras aĉeti originalajn propagandajn P K. Sendi unu ekzempleron kun prezaro. Ĝi intersanĝas sian gvidfolieton. Vendo de esperantistaj markoj. Adresoj kaj prezaroj de esperantistaj firmoj de bonaj vinoj. — *Konsulejo* : Piot, rue Carnot. — *Novaĵoj* : Bord-Esperanto, kanteto de Jadeau (0,30 centimoj po unu ekzempl.) ; La verda flago P K. (2 Sd. po unu).

**Falun** (Svedujo). — Esperanto-Oficejo, Kung Karls-Grand, 8, respondas ĉiajn petojn pri sciigoj pri la urbo kaj la bela provinco Dalarne, kaj estas ĉiam preta helpi la Esperantistojn, kiuj venas al nia urbo, kaj al la neesperantistoj senpage traduki el Esperanto sveden kaj el sveda Esperanten.

**Bourg** (Francujo). — *Ekspozicio pri kampara kaj urba higieno* okazos de la 30a de Majo ĝis la 8a de Junio 1908 en Bourg. Gravaj premioj estos aljuĝitaj al la aŭtoroj de la plej bonaj planoj de kamparaj loĝejoj, farindomoj, k. a. Oni sendu la planojn, projektojn, k. c. al : *Maire* (urbestro) *de Bourg* antaŭ 30 Aprilo. Por pluaj informoj, skribi al : *Esperanto-Oficejo, Bourg* (Ain-Francujo).

**Châlons s/S.** (Francujo). — Esp.-Oficejo, ĉe F-ino Blanchard, Boul. de la République.

*Grava avizo*. — Por eviti ĉiun ajn konfuzon, la « Groupe Esperantiste de Châlon-sur-Saône », sciigas, ke ĝi havas nenion komunan kun nova grupo, nomita « Verda Stelo », kiu fondiĝis antaŭ ne longe en tiu sama urbo. Gis nun, la « Groupe Espérantiste » estas en Chalon-s/-S. la sola aliĝinta al la F. G. B. E kaj akceptita de ĝi. Ni malakceptas ian ajn respondecon pri la « Gvidlibreto tra Chalon eldonita de Esperantistoj de Chalon-s/-Saone (1908) » pri la nomaro de la personoj al kiuj la trapasantaj geesperantistoj povas sin turni. *La prezidanto*, Ch. Jadeau.

**Le Creusot** (Francujo). — Esperanto-Oficejo, 18, place Schneider, donas senpagan gvidfolion, vendas Esperantaĵojn (ilust. kartoj de la fabrikejoj Scheider). Mardon vespere ĉiusemajne, esp. kunvenoj ĉe kafejo Morrot, 26, rue d'Autun. La estraroj de la tutmondaj grupoj estas petataj bonvoli sendi ĉe la oficejo plej baldaŭ kiel eble, sian opinion pri la demando de « Referendumo » pritraktita en cirkulero sendita de la Creusot'a Grupo. Benvolu peti tiun cirkuleron de nia oficejo se vi ne ĝin ricevis.

**Bradford** (Anglujo). — Konsulo : A. T. Priestman, 12, Exchange Building.

**Dover** (Anglujo). — Konsulo : J. M. Finey, Admirality House.

**Liverpool** (Anglujo). — Esp.-Oficejo, 7 Berry Str. Vizitebla ĉiutage (vespere, marde kaj vendrede). Vendas Esperantaĵojn, abonigas Esp. gazetojn, liveras ĉiujn informojn.

**Reims** (Francujo). — Esp.-Oficejo, 5 Place Royale (telefono 436), Chauvillon, Konsulo Liveras ĉiujn informojn parole kaj letere pri Reims kaj la regiono : turismo, komerco kaj esperantismo.

**St-Etienne** (Francujo). — *Sekcio komerca kaj industria de l'grupo Esperantista* — Kelkaj sekcianoj intencante partopreni la teknikan vortfaradon por la fako teksado kaj rubando tre dezirus interrilatiĝi kun diverslandaj samfakanoj. Sin turni al *S-ro B. Peyraud, 41, rue de la Loire*. — Post konsento kun la fabrikistoj de la urbo, la sekcio plezure sciigas la samideanojn, ke de nun ĝi povos liveri la artajn bildojn kaj poŝtkartojn en teksitaj silkaj rubandoj je malkaraj prezoj. Poŝtkarta ampleksŏ po 1 fr. (0,40 Sm), unu ; grandaj bildoj 18/34 centimetroj de 3,75 fr. (1,50 Sm), unu ; 10 % rabato po 10 malsimilaj — gluataj aŭ ne sur karteto. Reprodukto de famaj pentraĵoj, portretoj de geregoj, J. Kristo, k. t. p. Kompreneble la beleco kaj amplekso de l'bildoj ŝanĝas laŭ la prezo. Sin turni al S-ro B. Peyraud, 41, rue de la Loire.

**Moskvo** (Rusujo). — « Industria kaj komerca grupo Esperantista *Laboro* ». Poŝta kesto, 409. Prezidanto : A. Prager ; sekretario : N. Voronov ; bibliotekisto : N. Jigulenko.

**Genevo** (Svisujo). — La Esperanto-Konsulo starigis du Esperanto-Oficejojn (24. rue du Mont-Blanc, proksime de la stacidomo ; 14, rue Corraterie Photo-Office. P.). En tiuj Oficejoj oni povas aĉeti kaj mendi ĉiujn librojn kaj Esperantaĵojn, aboni Esperantajn gazetojn, k. t. p. ; afiŝejo. Ĉiu fremda Esperantisto devas iri al la Esp.-Of., kie oni senpage donos al li gvidfolion enhavantan ĉiujn plej urĝajn informojn, adresojn de Esp. institucioj, k t. p. La Konsulo (8, rue Bovy Lysberg) donas por la ceteraj konsuloj rekomendan leteron al la Genevaj Esperantistoj, dezirantaj vojaĝi fremdlanden. Li kore akceptos ĉiujn samideanojn, kiuj prezentos al li rekomendan leteron de siaurba Esp.-Konsulo kaj zorgos por agrabligi ilian restadon en Genevo. La Konsulo respondos ĉiujn petojn pri informoj (poŝtmarko por la respondo), tradukos senpage la leterojn, prospektojn, prezarojn, k t p Por ĉiuj komunikajoj, uzu la adreson : Esperanto-Oficejo, Genevo.

## Internacia Esperantista Paradizo

Laŭ propono de S-ro C. Aymonier en Parizo la Kembriĝa kongreso decidis la fondon de Internacia Esperanta somerloĝejo kaj elektis specialan komitaton por tiu entrepreno. Prezidanto de tiu ĉi komitato estas S-ro D-ro Sydney Whitaker, Waterloo-Liverpool. Por la komenco oni intencis fondi tiajn somerstaciojn apud la kongresurboj, por ke la kongresanoj, sen tro gravaj elspezoj, povu restadi dum kelkaj tagoj, antaŭ aŭ post la kongreso, kune kun aliaj samideanoj. Tia fondajo estas bona, sed neniel taŭgas por la malfeliĉaj Esperantistoj, kiuj pro zorga interkorespondado kun la interesataj societoj kaj lokoj, ili sukcesis trovi vere belegan vilaĝon, kie oni plezure akceptos la tutmondajn Esperantistojn...

Tiu ĉi vilaĝo — *Meggen* — (prononcu : Meken) kuŝas sur ĉarmega bordo de la mondfama Lago de kvar Kantonoj ; ĝi havas staciojn de vaporŝipoj kaj de fervojo Gotharda. En dek minutoj per fervojo, aŭ en tridek per vaporŝipo oni atingas la urbon *Lucerno*. Por la komenco la Esperantistoj en Meggen trovos nur unu hotelon je sia celo, nome la konata « *Pension Gottlieben* » kiu alprenas la duan nomon « *Internacia Esperanta Paradizo* ». posedanto S-ro J. Amrein. Nia ĉarmega kunvenejo estas ĉirkaŭata de granda parko, kaj placo por laŭnteniso kaj aliaj societludoj, kun ombraj promenejoj, ŝprucfontoj, florbedoj, k t. p. Pro ĝia favora situacio la restejo permesas nekompareblan vidon sur du lagoj kaj precipe sur la tute proksimaj montoj : Rigi, Pilatus, Stanzerhorn, Bürgenstock, sur la urbo Lucerno kaj la tuta ĉenaro de la plej altaj Alpoj.



Internacia Esperantista Paradizo
Meggen (*Svisujo*).

En tiu ĉi tempo oni presigas la ilustritan prospekton dissendotan printempe al ĉiuj Esperantaj grupoj kaj societoj. Mi ne volas doni aŭtaŭe detalojn pri la prezoj sed nur sciigas, ke ili estos sufiĉe malaltaj, por ke ĉiu Esperantisto vizitonta Svislandon povu pasigi kelkajn tagojn en tiu ĉi paradizeto.

Pli malfrue, kiam alvenos la vojaĝa tempo, mi ankoraŭ pli detale priskribos en tiu ĉi jurnalo, kaj ankaŭ en aliaj Esperantaj gazetoj, nian promesplenan entreprenon, la Internacia Esperanta Paradizo.

J. Schmid (Berno).

tro maldika monujo ne povas entrepreni la longan vojaĝon al la kongresoj, sed tamen deziras kunveni, en oportuna kaj saniga loko, kun aliaj samideanoj.

Pro tio oni konvinkiĝis, ke ĉiama somerrestejo en kiel eble plej centra kaj bela loko nepre estas dezirinda. Cu por tia celo ekzistus pli oportuna lando ol la belega montaroza *Svislando* ? ! Certe ne ! Car tiu ĉi juvelo kun siaj Alpoj kaj lagoj, siaj ĉarmaj vilaĝoj kaj belegaj urboj, siaj glaciaroj kaj neĝpintoj, sia puregа aero kaj multaj sanigfontoj mi ripetas, ĉar tiu ĉi paradizeto jam delonge estas vizitata de centmil j da personoj el la tuta mondo, pro tio ĝi plej bone taŭgas por internacia Esperanta kunvenejo. Gi kvazaŭ estas la koro de Eŭropo, al kiu alfluas la malsana sango, kaj el kiu elfluas la saniĝinta sango ĉiuloken.

Fervora ano de la Svisa Esperantista Societo tuj post la tria kongreso komencis klopodi pri la fondo de ĉiama somerstacio en nia lando. Li interkonsentis kun la nomita komitato, precipe kun ties estroj : S-ro Whitaker kaj Baronino de Ménil en Par zo, kaj li estas feliĉa, ke la komitato konsentas pri liaj proponoj. Post longa kaj

# FELIETONO

## LA KNABO MALSANA

DE

Georges COURTELINE

*Kuracisto* (kun ĉapelo ĉe mano). — Ĉu tie-ĉi, Sinjorino, estas knabo malsana ?

*La patrino de la malsanuleto*. — Estas tie ĉi, Doktoro, eniru do. Doktoro, estas por mia knabeto. Imagu, tiu karuleto (mi ne scias kiel ĝi okazas) de hodiaŭ matene, ĉiam falas teren.

*La kuracisto*. — Li falas ?

*La patrino*. — Ĉiam, jes, Doktoro.

*La kuracisto*. — Teren ?

*La patrino*. — Teren.

*La kuracisto*. — Tio estas stranga, tute stranga.., kian aĝon tiu infano ?

*La patrino*. — Li havas kvar jarojn kaj duonon.

*La kuracisto*. — Eĉ se Diablo estus en tio, oni staras surkrure je tiu aĝo !... Kaj kiel ĝi okazis ?

*La patrino*. — Mi nenion komprenas, mi tuj diras al vi. Li fartis bone hieraŭ vespere kaj trotis kiel kuniklo en la ĉambraro. Hodiaŭ matene, mi iras lin ellitigi kiel mi kutimas fari. Mi vestas liaj kruroj per liaj ŝtrumpoj, li lasas paŝtalono, kaj lin ellasas. Puf ! jen li falas !

*La kuracisto*. — Faleto, ebIe ?

*La patrino*. — Atentu !... Mi alkuras ; mi lin relevas Puf ! denove teren ! kaj tiele sep aŭ ok fojojn sekvante Fine, sinjor' Doktoro (mi tion ripetas : mi ne scias kiel ĝi okazas) de hodiaŭ matene, ĉiam li falas.

*La kuracisto*. — Tio ŝajnas vera mirindaĵo... Ĉu mi povas vidi la malsanulon ?

*La patrino*. — Sendube.

— (ŝi eliras, kaj reeniras, tenante en siaj brakoj la bubon. Tiu ĉi montras sur siaj vangoj kolorojn de bonega kaj miriga sano. Li estas vestita per pantalono kaj ampleksa bluzo, amelita per sekiĝintaj konfitaĵoj)

*La kuracisto*. — Li estas belega, tiu infano!... Metu lin teren, mi petas.

(La patrino obeas.. La knabo falas )

*La kuracisto* — Ankoraŭ, se plaĉas al vi.

(Sama afero kiel pli supre. La knabo falas).

*La kuracisto*. — Ankoraŭ.

(Tria starigo tuj sekvita de triafalo).

*La kuracisto*. — Estas neaŭdite (al la juna malsanulo, kiun subtenas lia patrino sub la brakoj). Diru, mia amiketo, ĉu ci sentas doloreton ie ?

*La knabo* — Ne sinjor'.

*La kuracisto*. — Cu cia kapo ne doloras cin iom ? respondu.

*La knabo*. — Ne sinjor'.

*La kuracisto*. — Cu dum la lasta nokto ci bone dormis ?

*La knabo*. — Jes sinjor'.

*La kuracisto*. — Kaj ĉu ci havas apetiton, hodiaŭ matene ? ĉu ci manĝus plezure iom da supo ?

*La knabo*. — Jes sinjor'.

*La kuracisto*. — Jes (kompetente) ĝi estas paralizo.

*La patrino*. — Gi estas para.. Ha! Dio.

(ŝi levas siajn brakojn al ĉielo. La knabo falas).

*La kuracisto*. -- Ve! jes, sinjorino. Plena paralizo de l'malsupraj membroj. Cetere, vi tuj vidos mem ke la karnoj de la knabeto estas tute sensentaj ; donu al mi kudrilon, mi petas. (Li estu trankvila, simple, pikvundeto... kiun li tute ne sentos. (Parolante, li proksimiĝas al la knabo, kaj sin preparas por fari la diritan eksperimenton, sed sidue subite) :

Nu!.. jen... fine... nu (kaj kriante) He! mi diabloj, sinjorino, kion vi rakontas al mi kun via paralizo ?

*La patrino*, mirigata — Sed Doktoro...

*La kuracisto*. — Mi tre bone komprenas ke li ne povas stari .. vi metis liajn du krurojn en la saman duonpantalonon !

(Tradukita de Louis Lamant).

## ANEKDOTOJ

Instruisto klarigis al lernantoj la demandon pri *videbla* kaj *nevidebla* ; ŝajnas, ke ĉiuj komprenis :

Instruistino : « Karolo, diru al mi ekzemplon de videbla objekto »

Karolo : « Mia pantalono. »

Instruistino : « Bone ! Nun, nevidebla ? »

Karolo(honteme) : « Via pantalono, sinjorino ».

***

— « Cu vi eble havas dolaron per kiu vi ne scias kion fari ? »

— « Jes, unu. »

— « Dankon ! sed pardonu, ĝi ja estas falsaĵo. »

— « Nu ! Do, ĉu vi ne petis unu per kiu mi ne scias kion fari ? »

***

La patro : « Nu, fileto, diru al mi, kiel vi sukcesis en la ekzameno ? »

La filo : « Mi estas certa, ke mi donis almenaŭ unu pravan respondon. »

La patro : « Kiu estis tiu ? »

La filo : « Oni demandis min, ĉu mi povas nomi la dekdu apostolojn ? kaj mi respondis : Ne ! »

***

Iu bubo ne sukcesis solvi tre simplan problemon kaj la lerneja inspektoro al li admone diris : « Cu vi scias, ke je via aĝo George Washington estis termezuristo ? »

— « Jes, sinjoro », respondis la bubo. rekte rigardante en liajn okulojn, « kaj je via aĝo li jam estis prezidanto de Unuigitaj Statoj. »

***

Amanto : « Vi fariĝas kun ĉiu tago pli beleta ! »

La dolĉa knabino : « Cu vere? Mi nun ja manĝas nur brunan panon kaj trinkas nur puran akvon por plibonigi la koloron de mia vizaĝo. »

Amanto : « Kiom longe vi povos tion suferi ? »

La knabino : « Ho, senfine. »

Amanto : « Ni do edziĝu tuj »

1) Tiuj anekdotoj estas eltiritaj el *Tutmonda Anekdotaro* » (kajero 1a), aĉetebla ĉe Internacia Propagandejo, London. S. W. Merton Albej.

## PERESPERANTAJ SOCIETOJ

**Internacia Societo de l'Esperantistaj Juristoj**. — La I. S. E. J. havas celon krei kaj konservi inter siaj anoj aferajn rilatojn, konigi al la fremdaj juristoj la samideanajn kunfratojn aŭ juraboratojn en ĉia lando, ebligi la sendon de aktaro en la plej malproksimajn landojn kun certeco trovi tie korespondanton, unuvorte uniĝi la Esp. juristojn de ĉiuj landoj. La jara kotizajo kostas 1 Sm. ESPERANTO estas la oficiala organo de la I. S. E J. por ĉiuj informoj, sin turni al S-ro Sergeant, 31, Bd Mariette, Boulogne-sur-Mer (Francujo).

OFICIALA INFORMILO.

*Kotizajoj.* — Laŭ nia regularo, la kotizajoj estas pageblaj dum la monato januaro. Do ni petas insiste niajn anojn sendi kiel eble plej baldaŭ la monon (1 Spesmilon), aŭ al la naciaj vicprezidantoj, aŭ al la ĝenerala sekretario, S-ro Sergeant, 31, Bd Mariette, Boulogne-s/-Mer (Francujo). La kotizajoj estas nepre sendotaj antaŭ la 15ª de aprilo, lasta limtempo; post tiu ĉi dato ilin oni kolektos poŝte, sed tiaokaze la poŝtaj elspezoj estos, kompreneble, plie pageblaj.

*Novaj aliĝoj.* — Anglujo: H.-T. Bailey, leĝa raportisto, 31, Caversham Rd, Kentish Town, London.— G.-M. Hollis, solicitoro, 47, Dart Mouth, London N. W. — Geo Young, solicitoro, 3-4, Clement's Inn, London W. C. — G. Taylor, solicitoro, Buxton.

# ANONCETOJ

## TARIFO

*Korespondado.* — Ciu enskribiĝo kostas 30 spesdekojn (fr. 0.75; 7 d.; m. 0.60). Rabato da 25 % por 6 enpresoj kaj 50 % por 12 enpresoj. La literoj P I. montras la korespondadon per poŝtkartoj ilustritaj; la literoj L. montras korespondadon per leteroj; la literoj P M. montras interŝanĝon de poŝtmarkoj. Niaj abonantoj rajtas enpresigi senpage sian nomon unufoje.

*Petoj kaj proponoj.*— Ciu linio (40 literoj) kostas 10 spesdekojn (fr. 0.25; 5 d.; m. 0.20). Rabato da 25 % por 6 enpresoj kaj 50 % por 12 enpresoj. Niaj abonantoj rajtas enpresigi senpage trilinian anonceton.

*Komercaj reklamoj* — Ciu linio (40 literoj) kostas 16 spesdekojn (fr. 0.40 4 d.; m. 0.32). Rabato da 25 % por 6 enpresoj kaj 50 % por 12 enpresoj Niaj abonantoj (speciale la hoteloj esperantistaj) rajtas enpresigi senpage trilinian anonceton.

NOTO. — Oni sendu ĉian anonceton antaŭ la 5ª kaj 20ª de ĉiu monato, ĉu al nia administrejo, ĉu al niaj lokaj agentoj aŭ al la Esperanto-Oficejoj. Oni skribu kiel eble plej legeble. Oni povas pagi per poŝtmandato, poŝtkuponoj internaciaj aŭ poŝtmarkoj. Ciu anonceto, ne akompanata de monsendo, ne estos enpresata. La Esperanto-Oficejoj estas petataj elmeti ĉiufoje niajn anoncetojn ĉe sia afiŝejo.

* * *

### Korespondado

*Limoges* (Francujo). — S-ro A. Malpeyre, rue Orpheroux, 2. PI.

*Pskov* (Rusujo). — S-ro N. Pimenov, Uĉ. Seminari. PI.

*Mâcon* (Francujo). — S-ro Larochette kaj S-ro Guichardon, 18, rue St-Pierre. PL.

*Praha* (Bohemujo-Aŭstrio). — S-ro A. Ströhmer, Ječná realka. PI. PM.

*Hoekvan* (Holando). — S-ro D. J. Jansen. G. 242. PM.

*Krakovio* (Aŭstrio). — S-ro H. Jislowitz, stud. jur. Universitato. PI.

*St-Peterburgo* (Rusujo). — S-ro N. Alekseev, Njustadskaja S., Kv. 25. PI.

*Lisieux* (Calvados-Francujo). — S-ro Raymond Bouteiller, 33, Bd Herbet-Fournet. PI.

*Enisejsk* (Rusujo-Siberio). — S-ro V. Evsejev, chujskaja gimnazija. PM.

*Harmanli* (Bulgarujo).— S-ro St. Kirilov. PK. L.

*Enschede* (Holando). — S-ro A. W. Wesselius. PM.

*Odense* (Danujo). — S-ro A. Jorgensen, Vesterbro, 63. PI.

*Strazek* (Moravio-Aŭstrio). — S-ro D-ro Alois Jouka, kuracisto. PI L.

*Birkby* (Huddersfield-Anglujo). — S-ro Ernest Lee. 45, Blacker-Rd. PI.

*Napoli* (Italujo). — F-ino Scirkess Rebeeca, 115, Presso Roberti. PI. (Kun naciaj tipoj).

*Prostêjov* (Aŭstrio). — S-ro J. Koukal, Kravarstrato, 7. PI.

*Praha* (Aŭstrio). — S-ro E. Tyl, Trojanova, 343. PI. PM.

*Odense* (Danujo). — S-ro A. Probst, Vestergade, 45. PI. PM.

*Nottingham* (Anglujo). — S-ro E. Outen, 4, Market-Str., PI.

*Praha* (Aŭstrio). — S-ro V. Kozelsky, 12, Hàlkova trida čis 12. P. PI.

*Bilbao* (Hispanujo). — S-ro Victor de Apraiz, 98, Apartardo. P. PM.

*La Varenne* (Seine-Francujo). — S-ro E. Gallon, 84. rue du Bac. PI. L.

*Král-Vinohrady* (Bohemujo-Aŭstrio). — S-ro V. Kozelský, Hálkova tr. čis, 82. P.

*Aïdın* (Azia Turkujo) — S-ro Roditté, PI.; S-ro David Barmaniam, PI.; S-ro Sabal, PI; F-ino Hodara, PI.; S-ro Mustapha Hilmi (tanisto), PI. L.

*Limoges* (Francujo). — S-ro Roux, place d'Aine, 1. PI. L.

*Köln-Deutz* (Germanujo).— S-ro E. Quambusch, 70, Treiheistr, 70.

*Krakovia* (Aŭstrio). — S-ro Grabowski, Bastava. 8. PM (Uzitaj).

*Caen* (Francujo). — S-ro Lechevallier, 242, rue St-Jean PI.

*Bendzin* (Polujo-Rusujo). — S-ro M. Vojcieĥovski. PI.

### Petoj & proponoj

**Korespondado.**— Roanne (Loire-Francujo). — Louis Bousquet sendos *aŭ post mulmulte da tempo* unu grupon de siaj gelernantoj de Esperanto, *aŭ tuj* unu novan portreton de sia fileto Max, esperantisteto, al ĉiuj fremdaj geamikoj, kiuj ne ricevis ĝin, kaj eĉ francaj gesamideanoj kiuj bonvolos sendi al li unu aŭ du belajn poŝtkartojn, prefere koloritajn, kun kelkaj vortoj *tre legeble* skribitaj.

**Korespondado.** — S-ro G. Cernoĥvostov, V. O. Malgj pr., 40, deziras korespondi kun maristoj per PI. kun maraj vidajoj kaj precipe kun biloj de konataj velaj jaĥtoj.

**Interŝanĝado.** — Por paroli franclingve kun infanoj aŭ aliuloj kaj samtempe ellerni mem la anglan aŭ germanan lingvon, mi tre dezirus loĝi ĉe angla aŭ germana familio. Bonegaj referencoj. S-ro J. Tesseyre, Fourquevaux (Hte-Garonne, Francujo).

**Riprezentantoj.** — S-ro Ch. Schriewer, Esperanto-Konsulo, Moresnet-neutre, riprezentas ĉiuspecajn esperantajojn.

**Ekspozicio.** — La Esperantista grupo en Sens, aranĝante ekspozicion okaze de lokaj festoj en komenco de junio 1908, danke ricevos ĉiuspecajn elmontrajojn pri Esperanto. Prezidanto: S-ro Deshay, Sens (Yonne-Francujo).

**Kelneroj.** — S-ro G. Gaillard, 44, rue des Archives, Parizo (Francujo). deziras korespondi kun ĉiuj kelneroj el ĉiuj landoj per PI. pri la restoracia kaj aliaj aferoj; ĉiam tuj respondos.

**Korespondado.** — S-ro G. Bächleitner, Harrachstr., 7, Linz-a/-Donau (Aŭstrio), korespondos per L. kaj PK. kun negermanaj Esperantistoj, ĉefe hispanaj, anglaj, francaj kaj italaj pri literaturo.

**Bankistoj.** — Sendu viajn adresojn pri ellaborado de nia faka vortaro al Becker, Leipzig (Germanujo), Allg Deutsche Credit Anstalt.

**Adreso.** — Moskvo (Rusujo). S-ro Saĥarov A. A. transloĝiĝinte et Ardatov havas jenan sian novan adreson. Bol. Koziĥinsky per, dum Popova. Moskvo.

**Senpage** ricevos la belan prospekton de la Esperantista vilaĝo *ĉiu* samideano, kiu sendos al mi la poŝtpagon per Internacia Respondkupono. D-ro Schramm, Ständehaus, Dresden (Germanujo)

**Ekspozicio.** — La grupo de Marseille intencante aranĝi malgrandan esperantan elmontrajon en la Instruada sekcio de la tiea Internacia Elektra Ekspozicio, danke ricevus, antaŭ la fino de Majo, de la fremdaj grupoj kaj eldonistoj, kelkajn esperantajojn, nome: poŝtkartojn esperante skribitajn, jurnalojn, librojn, k. t. p. Adreso: Esperantista Grupo, 52, rue Paradis, Marseille (Francujo).

**Adresaro.** — Oni petas insiste ĉiujn Esperantistojn, kiuj kolektas vidajkartojn, sendi per ilustr. poŝtkarto sian adreson al S-ro Leon Rosenstock. Crocovie (Aŭstrio), 1, rue de Lubicz. Iliaj nomoj estos publikigitaj en la baldaŭ aperonta Adresaro de poŝtkartkolektantoj. *Oni skribu plej legeble.*

**Kristanaj Unuiĝoj de junaj viroj.** — *Grava afero.* — Membroj de « Kristanaj unuiĝoj de junaj viroj » sendu bonvole sian adreson al S-ro P. Hübner, inĝeniero, Fr. Wilhem-str, 66, Mühlheim-a-Rhein (Germanujo).

**Poŝtkartoj.** — Sendu 80 spesdekojn al S-ro Pion. Sté Générale, Beaune (Côte-d'Or, Francujo) kaj vi ricevos belan kolekton da 13 ilust. Kartoj Esp. de Beaune.

**Gazetoj** — S-ro H. T. Bailey, 31, Caversham-Rd, Kentish Town, London, deziras ricevi malnovajn Esperantajn jurnajojn. Bonvole sciigu nomojn kaj prezojn. Ciu, kiu eldonos novan Esperantan gazeton estas petata sendi sciigon.

**Malnovaj jurnaloj.** — G. Davidov, Rusujo, Saratov, kesto, 12, deziras aĉeti:

1. « Cilio Esperantista » pagos po 50 centimoj por ĉiu n-ro (por ĉiuj jaroj). 2 « La Pionoro » india, pagos altan prezon. 3 « Esperanto » de San ander, pagos altan prezon. 4 Librojn nº 3, 4, 8, 9, 13, 22. 23, 25, 30, 32, 34, 39, 40.

### Komercaj reklamoj

**Propagandiloj.** — *Ĉu vi jam posedas propagandmarkojn?* Se ne, mendu tuj senpagan specimenon de la Esp. Düsseldorf. Sckr.: B. Luis, Kronenstr, 60. — Agentoj serĉataj

**Pension-Hotelo.** — *Bad-Nauheim* (Germanujo, « Villa Sans-Souci », pension-hotelo. Bismarck, 19. Posedanto, Ed. Förster, informejo por Esperantistoj Moderaj prezoj pensionaj aŭ senpensionaj, proksime de la banejoj, ŝprucakvoj kaj kurparko, grandaj altaj ĉambroj, komforte meblitaj (precipe bonegaj litoj). Atentema servado. Oni parolas kaj korespondas Esperante.

**Reklamo,** — S-ro C.-A.-G. Browne, reklamagento, 53-54, Wych-Street, London, W C. (Anglujo), deziras korespondi kun Esperantistoj pri anoncado en britaj, koloniaj kaj fremdaj jurnaloj.

**Rozarbetoj.** — S-ro Philibert Moussier rozkulturisto, Vienne (Isère, Francujo) kiel reklamon, sendos al la esperantistoj poŝtan paketon da 3 kg enhavanta de 10 ĝis 15 belegaj diversajoj de *Rozarbetoj*; po poŝtmandato da 5 frankoj (2 Sm). Kesto de l'transporte plie.



FELIETONO DE "ESPERANTO" 4

# LA LIBRO DE ESTER

**Originale verkis**

**A. KOFMAN**

Mordeĥaj amis Esteron kiel sian propran filinon kaj volis ŝin kaŝi de Ahaŝveroŝ. La persa reĝo estis idolano kiel Amalek, malĉastulo kiel Balaam, drinkulo kiel Bakho, senhonta kiel Baar-Peor, kaj li havis pli da pekoj ol maljuna pastrino de Cibelo. Al kio li bezonus Esteron? Kion trovus porko en oranĝoj, kamelo en rozakvo, simio en la sankta Testamento? Sed jen kiel ben-Nehemja, la amiko de Mordeĥaj, dekonsilis lin de lia intenco: por la hebreoj de Persujo estis tre grava havi protektatinon en la palaco de la reĝo. La hebreoj havis tiom da malamikoj, ke oni povis ĉiutage atendi malfeliĉon, kaj Jehovo amas la homojn, kiuj zorgas pri sia danĝero.

Tiel Ester, kune kun la aliaj elektitaj virgulinoj, estiĝis en la palaco de la reĝo sub la gardo de Hegaj, gardisto de la virinoj. La fraŭlino nenion diris pri sia deveno, ĉar Mordeĥaj tion ĉi malpermesis: unue, li timis ke, se Ester placos al la reĝo, la ceteraj virinoj envios ŝin, kiu prenis altan situation, estante filino de venkita popolo, kaj due, Ester devenis de la reĝo Saul, kaj Ahaŝveroŝ post la insulto de Vaŝti havis abomenon al reĝidinoj. Mordeĥaj, parolinte Esteron, enuis dum ŝia foresto kaj ĉiutage promenis apud la palaco por havi novajojn pri ŝi.

La haremaj moroj de Ahaŝveroŝ estis kc ĉiu virgulino, antaŭ proksimiĝi al li, devis pasigi en la virinejo dekdu monatojn: ses monatojn ŝi purigis sin per oleo de mirho kaj ses per aromajoj. Nun oni demandos: kial ili devis tiel longe sin purigi kaj odorigi? Cu ili estis malpuraj kaj fi-odorantaj, kaj la nazo de Ahaŝveroŝ tiel sentema ke ne malpli ol 12 monatoj povis kontentigi ĝin? La afero klariĝas per tio, ke la fraŭlinoj devis puriĝi ne sole de ŝia antaŭa korpa stato, sed de siaj kutimoj ankaŭ: de sia amo al la gepatro, al la gefratoj, k. c., ke ili havu plu aldonecon al neniu krom al la reĝo, simile al soldatoj, kiuj, se oni ordonas al ili buĉi la patron, la patrinon aŭ la fratinon, buĉas ilin sen kontraŭdiro. Estas ankoraŭ alia demando: kial estas dirite, ke la fraŭlinoj devis sin purigi daŭre ses monatoj, k. c., dum supre, koncerne la festeno de Ahaŝveroŝ, diriĝis, ke ĝi daŭris cent okdek tagoj? Cu ses monatoj estas cent okdek tagoj por ke oni bezonu esprimi la samon alivorte? La afero klariĝas per tio, ke la riĉajoj de Ahaŝveroŝ, glavprenitaj de Egiptujo, de Judujo, de Izraelujo, de Hindujo, de Grekujo kaj de iliaj landoj, estis tiel multnombraj, ke ĉiutage li povis montri aliajn novajojn, dum la virinoj havas tre malmulte da ĉarmoj, el kiuj ili povus aperigi al la reĝo tian riĉecon kaj ornamilojn. Ester sciis tion ĉi kaj estis tre modesta en sia postulojn, kiujn ŝi faris al Hegaj pri bonodoriloj kaj luksajoj. Malgraŭ tio ŝi plaĉis al la reĝo, kaj li amis ŝin pli ol ĉiujn virinojn. Li metis sur ŝin la kronon kaj faris ŝin reĝino anstataŭ Vaŝti.

En tiuj ĉi tagoj Mordeĥaj, sidante eĉ la palaco de la reĝo, aŭdis interparoladon de Bigtan kaj Tereŝ, du ĉambristoj de la reĝo, kiuj volis meti la manojn sur sian monarkon. En la apudejo de reĝoj oni ofte povas aŭdi aferojn pri mortigo. Ester sciigis tion al Ester, edzino de la reĝo, kaj la afero estis ekzamenata. Ambaŭ konspirintoj estis pendigitaj. La grava servo de Mordeĥaj lokiĝis en la analoj de la reĝo.

## V.

Post tiuj ĉi fariĝoj Ahaŝveroŝ donis sian favoron al Haman, filo de Hamdoso el Agog, filo de Soraĥ, filo de Bozo, filo de Aflotes, filo de Dejozef, filo de Peros, filo de Mahadaj, filo de Beleken, filo de Antimros, filo de Hadirom, filo de Segar, filo de Negad, filo de Parmaŝto, filo de Vajzoso, filo de Agog, filo de Sumki, filo de Amalek, filo de Elifoz, filo de Esaŭ, kiu vendis sian primnaskon al sia frato Jakobo. La reĝo levis Hamanon super ĉiuj aliaj altaj ranguloj. kaj Haman fariĝis la unua persono post la reĝo.

Kelkaj homoj demandis: kial la nomo de Haman gloriĝis en Persujo kaj konserviĝis en la memoro de l'homaro, kiam oni scias, ke li estis granda sentaŭgulo? La respondo estis: ĉar lia nomo kombiniĝis kun la ideo pri la savo de la hebreoj. Jen parabolo pri tiu ĉi cirkonstanco. Greko iris nokte portante monujon da oro kaj medikamenton, konatan sub la nomo « album græcum », kiu estas simple hunda ekskremento. La monujo falis de lia mano, kaj li ne povis ĝin trovi pro la mallumo. Li pensis: se mi krios al la homoj, ke ili lumigu al mi por trovi la monujon, ili ŝtelos ĝin. Tial li jetis la sanigilon kaj kriis: mi perdis mian medikamenton! La homoj alportis torĉon, kaj li levis la monujon kaj la sanigilon. La ekskremento estis lumigita pro la oro. Tiakaŭze ankaŭ lumiĝis la nomo de Haman kaj konserviĝis en la memoro de la historio.

Ciuj, renkontante Hamanon, genufleksis antaŭ li por esprimi al li sian profundan estimon. Nur Mordeĥaj ne faris tion ĉi. Kiam oni demandas lin pri la kaŭzo, li diris, ke estante hebreo li kliniĝas nur antaŭ Jehovo. Sciiĝinte tion, Haman ricevis koleregon kaj decidis pereigi lin. Havante filozofan spiriton li ĝeneraligis la aferon kaj pensis, ke estus preferinde mortigi ĉiujn hebreojn, kiuj sendube ankaŭ kliniĝas nur antaŭ Jehovo. Por tiu ĉi celo Haman venigis al si eminentajn persajn astrologojn kaj demandis ilin, kiam estos la plej oportuna pozicio de la steloj por mortigi la hebreojn. Car li sciis, ke ne ĉiuj tempoj estas egale bonaj por sukceso de grandaj entreprenoj. La astrologoj, lavinte la manojn kaj la vizaĝojn per la sankta urino de bovino, longe konsiliĝis kun la steloj, studis la hebrean kalendaron kaj diris:

— La hebreoj ne estas tuŝeblaj en la monato Nisan, ĉar tiam estas la Pasko, kiam Jehovo eltiris ilin el Egiptujo: en tiu ĉi tempo Jehovo ĉiam favoras ilin. Nek en Jor, ĉar tiam Jehovo donas al ili la manaon. Nek en Sivan, ĉar tiam ili ricevis la Dek Testamentojn. Nek en Tamuz, ĉar tiam renversiĝis la muroj de Jerusalemo: ili jam havis malfeliĉon, kaj Jehovo ne volas aldoni novan. Nek en Av, ĉar tiam la hebreoj ĉesis morti en la dezerto. Nek en Elul, ĉar tiam Moiso denove iris Sinajon por ricevi la Dek Tabelojn. Nek en Fiŝri, ĉar tiam Jehovo pardonis al ili ĉiujn pekojn. Nek en Heŝvan, ĉar tiam Jehovo sovis Noon kaj lian familion de la diluvio. Nek en Kislav, ĉar tiam estis fondita la templo de Jeruzalemo. Nek en Tevas, ĉar tiam Nebukadnecar sieĝis Jeruzalemon. Nek en Sevat, ĉar tiam Jehovo donas al la arboj novan vivon por ĝojigi la hebreojn. Restas Adar. En tiu ĉi monato mortis Moiso, kaj Jehovo ploras kaj ne havas tempon zorgi pri la hebreoj. Agu en Adar!

Malsaĝuloj! Ili ne sciis, ke se Moiso mortis en Adar, li naskiĝis en la sama monato!

*(Daŭrigota).*